# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 21/10/2012 Okdekunua Eldono 2012 21/10/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu de Bob Felby

**Kiam oni ne informas, onidiroj plenigas la mankon da informado**

**Skribu, informu 198 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj**

## Parto kun hiperligiloj

## Klaku! KLAKU!





**AŭSKULTU, LEGU ESPERANTAN RETRADION TAGE** Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj. Plibonigu vian Esperanton

http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html





Learning a Foreign Language: Esperanto

Jen la angl-lingva blogo de Marko kiu vizitis la Sidnejan klubon la 23an de septembro

http://redroom.com/member/j-marc-schmidt/blog/learning-a-foreign-language-esperanto

*sendis Nicole*




Donald Broadribb http://www.broadribb.esperanto.org.au/index.html

klarigas pri sia vivo: "mi trovis broŝureton pri Esperanto kaj ĝi tiom interesis min ke mi decidis ĝin lerni" sendis Nicole



Jen unu el la libroj kiujn Donald Broadribb bonege tradukis en Esperanton. Nicole

# KLUBNOVAĴO







La Manlia Esperanto-Klubo kunvenos la 3an de Novembro. Ĉiuj bonvenaj
20an de oktobro venis Eunice, Chris, Ian, John, Roger



EFNSK Jarkunveno en Esperanto Domo
dimanĉon la 28an de oktobro 11atm ĝis 12 ptm
BBQ lecionoj filmetoj sekvos je 12ptm ĝis proksimume 4ptm
Ĉiuj bonvenaj



## Central Coast Esperanto Club

kunvenos Sab 2ptm 10 Nov 2012 Bamboo Buddha Café
221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

## Ĉu via klubo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Skribu al AE rspring@tpg.com.au
Sendu desegnon aŭ foton taŭgan por via grupo kun malgranda raporto



## Metu vian klubon ĉi tien



Nia Esperanto-kafoklubo en Torquay (Vik) ricevis donace afiŝojn de AEA kiam Jennifer Bishop ankoraŭ estis estrarano de AEA. Vi povos trovi ilin tie: http://sdrv.ms/WxDoqh
Ni transformis ilin al jpg tiel ke ili estu facile enmeteblaj en reklamojn speciale en reklamojn kiuj celas gestudentojn. John Adams

Noto: mi estas provleganto, ne tradukanto. Tiu-ĉi informo estis sendita en la angla. Pruvu al la mondo, ke Esperanto ne estas tro malfacila lingvo per uzado de ĝi. Nicole

# AEA Informas

## AEA estraro kunvenis 11/10/12 vidu AE79

# LETEROJ mallongaj de la legantoj

Malpli ol duona paĝo



Max, Nicole, Andrew avertis min ke mi forgesis aldoni AE80 kiam mi unuafoje sendis ĝin. Do almenaŭ 3 legas la novaĵleteron (el 202 ricevantoj). Dankon, Roger

Mi ricevis peton de Joy Garard de Masterton Esperanto-Klubo por korespondantoj en Aŭstralio por:
Diana Grant Ŝi estas - 50+ jara - instruisto kaj framasono
1/64 William Kemp Place, Masterton, New Zealand
Ankaŭ:
Steph Cusack Li estas - 65 jara - eksa instruisto
C/- 12/8 Robeerts Road, Masterton, New Zealand

Amikajn bondezirojn, Diano sendis al AE Erhard & Ness Claus


Donald Broadribb

Kara Roger !

Eĉ tre elkorajn dankojn, eĉ dankegojn pro la ĵus ricevita "Aŭstraliaj Esperantistoj". Terure malĝojiga novaĵo estas tiu pri la forpaso de bonega amiko, kapabla esperantisto, kiu talentis pri preskaŭ ĉio ajn. Mi parolas kompreneble pri mia persona amiko, Donald Broadribb. Li vere mankas al mi, kaj mi eĉ tre bone komprenas la malĝojon de ĉiu sincera esperantisto.

Alia novaĵo, kiu meritas mencion, estas la elkoraj kaj sinceraj vortoj de ges-roj Danzer. Ili tre kortuŝe esprimis tion, kion mi persone ne kapablus fari. Tre talente kaj amikece ili ne kritikante, sed simple dirante sian propran opinion, kion ĉiu el ni ja rajtas fari, ili priskribis nian kongreseton en Brisbano aldonante tion, kion neniu el ni aldonis. Esperante ni ĉiuj estontece memoros kaj sekvos tiujn iliajn saĝajn vortojn. Koran dankon Linda kaj Petro.

Plej amike, Bob

Saluton Roger,
Mi elkore dankas al Petro kaj Linda Danzer pro ilia tre bone esprimita letero al kiu mi certe ŝatus aldoni mian subskribon. Kaj al la tuj sube metita frazo 'Kiam oni ne informas, onidiroj plenigas la mankon de informado' plaĉas al mi aldoni ' ĉiam eblas trovi deziratan informadon se oni serĉas ĉe la ĝusta fonto.'
amike, Jennifer Bishop




Vidu bildon trovitan sur Fejsbuko.
T-Ĉemizo informis Nicole



# LETEROJ IOM LONGAJ

Pli ol duona paĝo



## Indonezia Esperanto-kongreso - aprilo 2013

La unua Indonezia Esperanto-Kongreso okazos de la 5a ĝis la 8a de aprilo 2013 en la kongresejo Wisma Abdi, en Bogor (antaŭe: Buitenzorg). La plej grava celo de la kongreso estas kunigi la esperantistojn el la tuta lando por diskuti pri la landa movado kaj krei landan asocion. Krom tio, estos E-kursoj kaj kaze de sufiĉe da interesiĝo ankaŭ ekzamenoj. La indoneziaj esperantistoj esperas bonvenigi ankaŭ eksterlandanojn por iom internaciigi la etoson kaj helpi ĉe la kursoj, ludoj kaj ekzamenoj (anoncu vin se vi interesiĝas instrui kaj/aŭ ekzameni! eblas ankaŭ antaŭ kaj post la kongreso instrui en la apudaj urboj, se vi volas). Estos ankaŭ ebleco spekti kaj lerni tradiciajn dancojn, eklerni la indonezian lingvon ktp. Postkongresaj ekskursoj dependos de la interesiĝo montrita pri ili.

Iom pri la kongresurbo kaj -ejo: Bogor situas en la okcidenta parto de la insulo Javo, ne for de la ĉefurbo Ĝakarto. La urbo situas je 300 metroj alteco, kaj estas ĉirkaŭita de ne plu aktivaj vulkanoj. Super la urbo tre ofte fulmotondras, tial ĝi estas konata kiel Pluvurbo.
La kongresejo havas ĉion necesan: salonojn, manĝejon, dometojn kun ĉambroj de 2-7 personoj, arbojn, herbejon kaj naĝejon! Do ĉio okazos sur la sama tereno. Ne necesas eniri la urbon aŭ perdi tempon per transporto dum la kongreso. La plej proksima internacia flughaveno situas je ĉ. 85 km.
Pliaj informoj pri la kongreso estos aldonitaj laŭ la tempo en ĝia retejo. Ekde nun ankaŭ la aliĝilo estas havebla. Sed bonvolu unue legi la informojn en tiu retpaĝo, precipe pri la kotizo. Financa subteno por la okazigo de la kongreso bonvenas ĉe la UEA-konto **iesa-p**. La donacoj estos uzitaj por ke indonezianoj pagu kiel eble plej malaltan kotizon, kaj por helpi tiujn kiuj venas de aliaj insuloj, pagi siajn vojaĝkostojn.

La Loka Kongres-Komitato kaj Heidi Goes
rete atingebla per iek-lkk2013@googlegroups.com

PS: Tiuj kiuj jam antaŭe vidis anoncon pri la unua Indonezia E-Kongreso verŝajne rimarkis ke ĝiaj loko kaj dato ŝanĝiĝis. Estis konsilinde ŝanĝi la daton, ĉar ĝi koincidis kun la Azia Kongreso en Israelo. Kaj la loko ŝanĝiĝis ĉar troveblis en Bogor kongresejo kun pli bonaj kondiĉoj, bedaŭrinde ne kun tiu historia fono kiel la Muzeo de la Konferenco Azio-Afriko, sed certe plaĉa!

La Melburna Esperanto Asocio malavare donacis $5000 por tiu kongreso.

Heather Heldzingen

GOODWILL CONGRESS
MELBOURNE
17-21 JANUARY, 2013

Ne estos Aŭstralia somerlernejo dum januaro 2013
Estos Bonkora Kongreso 17-21 Januaro 2012 en Melburno
Pliaj informoj venos





La Angla Sekcio instigis kelkajn Esperantistojn pigre skribi al AE. „Aŭstraliaj Esperantistoj" subtenas Esperanton kaj devas ne esti krokodila novaĵletero. Mi ne plu metos Anglan Sekcion en nian novaĵleteron. Se gravega mallonga anonco pri Esperanto celas novulojn mi tamen metos ĝin en la angla. Roger



16th Australian Esperanto Congress, Manly, N.S.W., 1–7 January, 1968

Kiu estas sur la foto? Ĉu vi rekonas iujn?